

# PENSEO

*N-ro 192*

*Okt. / 2007*

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 18-a jaro http://www.elerno.net/penseo/penlisto.htm

## Almozpetanta Virino

**Sennoma**

"Frato, ĉu mi petu de vi helpon?"

Eksurprizite, Chen Gen malsupreniris de sia biciklo, sur kies antaŭa parto sides lia unu-kaj duon-jara fileto. Antaŭ li staris juna virino, vestita pure, kun pakaĵo ĉirkaŭ sia brako. Li ŝin ekrigardis kun mieno perpleksa.

"Frato, jam preskaŭ unu jaro, ekde kiam mi venis ĉi tien por prilabori. Je la jarfino, mi volas hejmenreveni," ŝi daŭrigis. Li nekomprene fikse rigardis ŝin. Li parolis al si: Hejmenreveni? Do hejmenrevenu! Kial vi parolas pri tio al mi?

Tiam, kun embarasita vizaĝesprimo, ŝi malklare kaj mallaŭte diris, kun ruĝiĝintaj vangoj, "Mi jam poŝtsendis mian monon antaŭtempe al mia hejmo kaj tenas monon sufiĉan nur por hejmenreveni. Ekster mia atendo, mia mono estis ŝtelita de poŝoŝtelisto. Mi devigite peti helpon de aliaj. Kaj nun mi jam havigis al mi preskaŭ sufiĉe da mono. Ĉu vi bonvolus doni al mi dudek yuanojn, tiel ke mi havu sufiĉe da mono por aĉeti bileton. Post kiam mi revenos hejmen, mi poŝtsendos al vi tiun sumon."Je tio, ŝi donis al li la adreson de sia loĝejo.

Ĉimomente, li venis al klara kompreno, ke la ino antaŭ liaj okuloj certe estas trompistino, ĉar li jam spertis multe da samaj okazaĵoj. Por diri honeste, nun li tenis kelkcent juanojn en la poŝo, per kiuj li volis aĉeti kelkajn decajn legomojn kaj vinon por amiko-vizitantoj al sia hejmo.

Laŭkutime aĉetadon en bazaro faras virinojn. Pro sia amemo al la edzino, kiu jam laboris tuttage, li memvole faris aĉetojn anstataŭe. Li kaj lia edzino vivas perfekte, kaj la fileto estas la kristalo de ilia geedziĝo, tiel ke li tre ŝatas la fileton. Kaj nun, li eĉ kunportas lin dum aĉetado. Kaj lia edzino okupiĝas pri servado al gastoj nun.

"Bonfaru al mi, frato!"daŭre petis la junulino. Li volus forturni kaj forlasi, sed kiam li rimarkis ŝian peteman rigardon, li ne povis turni sian dorson al ŝi. Pro tio, li fabrikis sian unuan mensogon dum sia tuta vivo, "Fratino, mi eksedziĝis. Estas malfacile vivi por mi kaj mia infano. Mi ne havas multe da mono. Se mi havus, mi certe donus iom al vi."

Ĉe tio, ŝi, fikse rigardante la infanon rajdantan sur la biciklon, murmured iris, "Kia kompatinda infano! Kia senkora patrino! Ŝi eĉ foriris sen atento pri la infano!"Dirante, ŝi karesis lian kapeton. La infano ekploris laŭte, kiam la fremdulino tuŝis lin je la kapo.

Tio des pli ĉagrenigis la virinon, kiu nereteneble montris sian patrinecon. "Aj! Kiel proverbo diras, estas prefere lasi altrangan patron morti ol almozpetantan patrinon. Tio estas vera. Rigardu, kiel kompatinda estas la infano sen patrino!" ŝi daŭrigis. "Mia dekses-jara filo devus komenci lernadon en elementa mezlernejo ĉijare, sed pro malriĉeco, ni ne kapablas pagi por lia lernado. Krome lia patro mortis en trafika akcidento. Tamen mi neniel lasas lin ĉesi lernadon. Jen mi venis perlabori ĉi tie por lernopago." Post kiam ŝi

finis sian parolon, larmoj perils senĉese sur ŝiaj vangoj.

Dum momento, kortuŝite de ŝia sincereco, Chen montriĝis embarasita. Li eĉ sentis iom da pento pri sia mensogado al ŝi. Apenaŭ li estis dironta ion, kiam ŝi, post momenta pripensado, elpoŝigis malrapide bankbileton de dek yuanoj, ĉifitan ŝajne pro longa tenado en la mano. Li tuj sin sentis senrimeda, ne sciante, kion ŝi volas fari. Neatendite, ŝi ŝovis la bileton en lian manon, dirante, “Rapide aĉetu iom da nutraĵo por la infano! Ne lasu la infanon suferi!”

Stuporiĝinte, li tuj rifuzis, “Ne, neeble. Kiel mi povus akcepti vian monon. Vi ankoraŭ volas hejmenreiri…” Forviŝinte siajn larmojn, ŝi diris, “Tio estas nenio. Ĉiuokaze tiu sumo ne sufiĉas por hejmenreiro. Poste mi faros pli da almozpetado por sufiĉe da mono. Nun estas multaj bonfarantoj sub la suno!” Post tio, ŝi ĵetis profundan ekrigardon al la infano kaj sin turnis foriri.

Rigardante ŝian forirantan dorsfiguron, li sentis ŝian ekrigardon piki lian koron. Abrupte li ekhavis varmiĝon en siaj okuloj kaj acidecon en la nazo, kun larmoj fluantaj sur la vizaĝo. Li hasteme piedmovis la biciklajn pedalojn kaj atingis la virinon. Elpoŝiginte bankbiletojn de tricent yuanoj, li firme ŝovis ilin en ŝian manon. Post tio, li hejmenrevnis, rajdante la biciklon.

Rigardante la monon en la mano, ŝi staris, ŝtoniĝinte.



Elĉinigis **Hongjia**

# Ĉineske

## Eto

# Nacia Festo

— laŭ ĉinesko Tiaoxiaoling*

**floron**
**floron**
**ankaŭ nian koron**
**al la land’ sincere**
**kaj respekte vere**
**reve**
**reve**
**alten flugu meve**

*Tiaoxiaoling: unu el ĉinaj fiksformaj poemoj el ses versoj de 4, 6; 6, 6; 4, 6 silaboj, laŭ rimarangô de aa,bb,cc. La 4 silabaj versoj konsistas el du ripetaj vortoj. Kaj la unua vorto de la kvina verso devas esti el palindrome ordigitaj silaboj de la lasta vorto de la kvara verso. ekz. rimi-miri; mora-arom; nomo-mono’ roso-soro.



## Bai Juyi

## (772-846)

# Bela Sud’

——laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

**Bela sud’**
**kun ĉarma vid-ĝu’:**
**ruĝaj floroj laŭborde**
**sub sun’ blu-verda akv-flu’.**
**Memor-nodo, ĉu?**

Trad. **Sam**

*Sopir-al-sudo: unu el ĉinaj fiksformaj poemoj el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo de xa,xa,a (x=senrima).

## Lily

# Mi Jam Spertis

— laŭ ĉinesko Busuanzi*

**en lumo febla**
**mia ĝigolo**
**ĉeorele murmuris**
**“ĉu nova bolo?”**

**mi tre scivolis**
**“ĉu pli da folo?”**
**li do surrampis sur min**
**kun kac’ malmolo**

**li ŝovis kapon**
**inter femurojn**
**miajn kaj dispuŝis miajn**
**neĝblankajn krurojn**

**li serĉis buŝe**
**amorplezurojn**
**perlange lekis vole**
**nigrajn velurojn**

**sublipoj miaj**
**jen jam sukplenis**
**dum lia lang’ soifa**
**volupti penis**

**al mia pordo**
**la lango venis**
**petola kaj avida**
**eke festenis**

**li lekis, kisis**
**ĝoje fervore**
**buŝinon molan mian**
**same amvore**

**aĥ, kia juko**
**ĝis ĝu-angore**
**trakorpe kuris fulme**
**nervo-stupore**

**ĉe buŝo mia**
**rigidis kaco**
**lia malpacienca**
**jam en malpaco**

**li spire veis**
**“hej, erinaco**
**mia, ĝin buŝe prenu**
**kun ina graco!”**

**mi ĝin favoris**
**per buŝa preno**
**mordetis akve ŝmace**
**sen ajna ĝeno**

**mi ĝin buŝpremis**
**en firma teno**
**senmove ĝis korŝira**
**ĝua festeno**



**mi glitis lante**
**de ĝia glano**
**ĝis la radiko kvazaŭ**
**per buŝa bano**

**aŭdiĝis tuje**
**ĝema vulkano**
**jen kaj jen rapideme**
**pro am-elano**

**mi plirapidis**

**buŝ-ludon glite**
**mi sentis lian tordon**
**treman enlite**

**mi ankaŭ spasmis**
**korpe subite**
**kolapse kaj laceme**
**kontent-merite**

**en gorĝ' eksentis**
**malsekan varmon**
**ejakulitan forte**
**mi ĉuran svarmon**

**ni ambaŭ falis**
**en songĝan ĉarmon**
**langvoris lace suplaj**
**en masan karnon**

**li rulis de sur**
**mi malrapide**
**kontente kaj feliĉe**
**kaj pozis side**

**"ĉu tion ŝati?"**
**"ba! ba! senbride**
**konstante, sed ĉu plian?"**
**mi ĉuis ride.**

*Busuanzi: unu el ĉinaj fiksformaj poemoj konsistanta el du strofoj same el 4 versoj de 5,5; 7,5 silaboj kun duona rimo.

## Ludo en Kinejo

—laŭ ĉinesko Wanghaichao*

**en mallumo**
**de l' kinejo**
**sidis en la loĝi'**
**mi kaj edzo**
**kia tedo!**
**ekpalpis fole mi**
**por petola ĝi**
**tra kalsonfendo**
**ja eta kri'**
**el li flugis**
**mi klinis kvazaŭ kun pi'**

**kapon por kis-seri'**
**kaj dolĉa suĉad'**
**ekstazis li**
**jam ĉi-hore**
**buŝe pistis**
**mi ja kun energi'**
**malgraŭ la medi'**
**li tordis, tordis**
**en agoni'**
**li ekŝprucis**
**ĉuron jam sen ajn konsci'**

* Wanghaichao: unu el ĉinaj fiksformaj poemoj el du strofoj po 14 versoj de 446,446,5,54,47 / 6,54,446,5,54,47 silaboj, laŭ rimarangĝo xxa,xxa,a,xa,xa / a,xa,xxa,a,xa,xa (x = senrima)

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_
Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio
Tel: (0757) 86366253 (hejme)
E-poŝto: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm
◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_